n-ro 18
1994-4
decembro 1994

# Esperanto en Azio

Bulteno de UEA
pri la Esperanta
movado en Azio



eldonanto: Prof. d-ro SO Gilsu / ROK 158 600, Yangchon p.o. Kesto 11, Seoul, Korea Respubliko / hejma telefono kaj telefakso:-82-2-6465413

redaktejo: ĉe DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / telefono kaj telefakso:-81-45-785-5458

*e n h a v o*


- • Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D <koncize> ........ 2
- • Salutas la eldonanto ........ 2
- 1 Projektoj Ĉ-1 / raportoj pri Azia Karavano '94 ........ 3
- 2 Aliaj raportoj ........ 11
- 3 Okazos ........ 16
- 4 Invito ........ 16
- 5 Propono ........ 17
- 6 Kunlaborojn ........ 17
- 7 Letero de leganto ........ 18
- 8 Kontribuoj ........ 19
- • Parolas la redaktantoj ........ 20

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK*

*A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj*

*Ĉ-1: studvojaĝoj en aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

*Ĉ-2: studvojaĝoj en eŭropaj landoj*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj*

## •*Salutas la eldonanto*

***Karaj legantoj!***

Okaze de la nova jaro mi deziras al vi, ĉiuj legantoj, sanon kaj feliĉon. Mi aparte reciprokas la novjaran saluton al tiuj, kiuj afable sendis al mi salutkartojn.

Antaŭ ĉio mi pardonpetas tiujn, al kiuj mi ŝuldas respondon. En la lasta jaro mi estis tre okupita pro diversaj vere gravaj kialoj: Unue mi devis pene labori por la UK en Seulo; krom la ĝenerala laboro de la kongreso, mi devis aparte zorgi la Azian Karavanon; due mi preparis grandan ekspozicion pri la historio de Koguri, antikva korea reĝlando, kunlabore kun nacia televida stacio KBS. Pro la okupiteco mi povis plenumi nur regulajn taskojn por nia movado, kiujn mi faris dum lastaj jaroj, kaj sekve mi ne povis kreive lanĉi ian novan projekton.

Dum lastaj pli ol 5 jaroj mia laborkvanto pri Azia Movado nekredeble grandiĝis, kaj nun funkcias nomata KAEM (la Komitato pri Azia Esperanto-Movado), kiu jam eklaboras por Azia Kongreso en Ĉinujo. Por diskuti diversajn aferojn, mi kunsidos kun KAEM en februaro, kaj ilin mi intencas oficialigi en marta estrara kunsido. Mi publikigis, ke mi ne plu kandidatos por nova estraro, kiu naskiĝos en ĉi-jara UK en Tampereo, kio signifas, ke iu alia el Azio devas esti estrarano por daŭre prosperigi nian movadon en Azio. Mi kredas, ke KAEM solvos la problemon.

Kun koraj salutoj mi finas.

***la eldonanto SO Gilsu***

# 1. Projekto Ĉ-1 raportoj pri Azia Karavano '94 impresoj de la partoprenantoj

## 1-1. CHHIM Sokha (Kamboĝo)

Dum tri semajnoj en Koreio, mi renkontis multajn interesajn aferojn, kiujn mi neniam renkontis antaŭe. Mi tre ĝojas, ĉar mi ekhavis multajn geamikojn. La UK tre plaĉis al mi. Mi vidis veran movadon de esperantistoj, kiuj estis venintaj el multaj landoj en la mondo. Mi konatiĝis kun multaj esperantistoj. Mi tre ĝojas, ĉar tio estas tre grava por mi.

Post la UK ni partoprenis en ILEI-Konferenco. Ni ne nur lernis, sed ankaŭ prelegis kaj konatiĝis kun aliaj esperanitstoj. Ni ankaŭ vizitis templojn, turismajn lokojn kaj montgrimpis. Tio estis interesa programo. Mi devas danki al s-ro SO Jinsu kaj aliaj koreoj kaj speciale al s-ro SO Gilsu, kiu planis nian karavanon. .....

Mi pasigis tri semajnojn en Japanio. Mi veturis de Ŝimonoseki ĝis Hokajdo. Tio estis interesa programo. Mi vizitis pli ol 20 grandajn urbojn kaj mi estis ĉiam salutita per varma manpreno de japanoj. Tri semajnoj en Japanio estis tre mirindaj por mi. Multaj homoj en mia lando ĉiam volas scii kaj viziti Japanion, sed ili povas nur vidi en televido. Mi dankas al japanaj samideanoj, kiuj helpis min kaj aliaj aziaj karavananoj.

Bonvolu anonci al koreaj kaj japanaj esperantistoj, ke se ili volas viziti Kamboĝon, ne forgesu sendi informon al mi. Mi iros kaj salutos ilin ĉe la flughaveno. Mi helpos ilin laŭ mia kapablo.

Mi malsaniĝis tri tagojn antaŭ mia ekvojaĝo. Tamen mi ekvojaĝis kun medikamento. Kiam mi atingis Seulon, la malsano evidentiĝis kaj kiam mi atingis Japanion, la malsano estis serioza. La malsano estis je stomako, hepato kaj intesto. Nun mi ne laboras kaj ĉiutage vizitadas hospitalon. La malsano je hepato kaj intesto fariĝis iomete bona, sed je stomako ankoraŭ ne.

Mi deziras al vi bonan tempon kaj sukceson de nia Esperanta afero.

*CHHIM Sokha/ P.O.Kesto 174, Phnom Penh, Kamboĝo*

## 1-2 Liu Xiaojun (Ĉinio)

***"Eĥo de mia vojaĝo al Koreio"***

La jaro 1994 estas feliĉa jaro por mi, ĉar mi estis elektita kiel membro de azia karavano de UEA. En julio mi vojaĝis al Koreio kaj partoprenis en la 79a UK kaj la 28a ILEI-Konferenco. Ankaŭ post la kongreso kaj la konferenco mi vizitis kelkajn koreajn urbojn, kie mi interkonatiĝis kun multaj koreaj esperantistoj kaj ni fariĝis bonaj amikoj.

Post mia reveno al mia universitato mi faris raporton al direktoro de la universitato kaj tiu de mia instituto. Ili estas tre ĝojaj pro mia sukcesa vojaĝo kaj diris al mi, ke mi

devas daŭre kaj senĉese propagandi kaj instrui Esperanton en mia universitato kaj disvastigi la influon de Esperanto. Mi faris raporton en la Esperanto-kurso kaj montris al gestudentoj fotojn faritajn de mi mem dum la kongreso kaj ĉio ĉi interesis multajn gejunulojn. Ankaŭ mi skribis artikolojn en organo de nia provinca Esperanto-asocio kaj raportis al membroj de la asocio. Mi opinias, ke nia partopreno en la UK en eksterlando estas mem grava afero kaj montras al tiuj, kiuj trovas Esperanton neutila, ke Esperanto estas tre bona komunikilo inter popoloj el diversaj landoj, kiuj ne komprenas la nacian lingvon de la alia. Mia vojaĝo ankaŭ faris grandan eĥon inter instruistoj de fremdaj lingvoj. Ili esprimas sian deziron lerni Esperanton.

La Ĵurnalo de Shandong Universitato (Shandong Daxuebao, 1994-09-16) publikigis novaĵon pri mia ĉeesto en la UK kaj la ILEI-Konferenco. Multaj studentoj legis la novaĵon kaj ekinteresiĝis pri Esperanto kaj la nombro de Esperanto-kurso multiĝis ĉi-aŭtune.

Mi daŭre propagandos utilecon de Esperanto kaj daŭre gvidos Esperanto-kurson kaj mi dankas al UEA kaj ĉiuj samideanoj, kiuj helpis min!

*Liu Xiaojun/ Shandong Daxue, Waigouyuxueyuan Xiyuxi, CN-250100 Jinan, Shandong, Ĉinio*

## 1-3 Hamzeh Shafiee (Irano)

***"Tra Koreio, per Esperanto, kun Azia Karavano"***

Eĉ post semajnoj mi ankoraŭ ne povas kredi, ke mi estis en UK, partoprenis en ILEI-Konferenco, ekzameniĝis, vizitis multajn esperantistojn, vojaĝis tra Koreio, ...

Kiam mi aliĝis al la UK, mi neniam eĉ revis kio atendos min en Koreio. Mi nur multe zorgis por vidi veran aplikecon de Esperanto; vidi ĉu la propagandoj pri uzebleco de Esperanto estas veraj aŭ ne; ĉar mi neniam antaŭe havis ŝancon por parole uzi Esperanton por komunikiĝi kun alilandanoj.

En la dua tago de la UK mi fariĝis nova membro de Azia Karavano, pri kiu mi ne sciis multe. Tio ŝajnis al mi reva okazo. Demandoj kaj maltrankvileco supreniris mian penson. Kio ĝi estas? Kion mi devas fari? Kaj kio atendas min? Sed tre facile kaj neatendite ĉiuj akceptis min, kaj mi fariĝis membro de la karavano, por partopreni en ILEI-Konferenco, instruiĝi pri Cseh-metodo, vojaĝi en kelkaj urboj en Koreio por prezenti Esperanto-movadon de niaj landoj kaj konatiĝi kun esperantistoj kaj Esperanto-movado en Koreio.

Koreio estas grava kaj aktiva parto de Esperantujo. Kaj ĉi-jare en julio kaj aŭgusto la koro de azia Esperanto-movado pulsadis en Koreio. Kie ajn ni iris, nin salutis varmaj gajaj homoj. Ĉie en Koreio, en grandaj kaj malgrandaj urboj, nin atendis niaj esperantistaj amikoj. Neniam mankis helpoj de samideanaj amikoj, kiuj estis vere afablaj kaj gastamaj.

La plej granda kaj grava parto de nia sperto estis Cseh-seminarioj A kaj B, kaj internaciaj ekzamenoj. En Cseh-seminarioj ni lernis kaj informiĝis pri la metodo kaj

instru-maniero. Gajninte atestilojn, ni nun daŭrigas niajn agojn en nia lando kun plia konfido. Sendube kiam miaj amikoj kaj konatoj aŭdas, kion mi diras pri la utiligo de la lingvo Esperanto, ili ĉiuj interesiĝas pri lernado de vera internacia lingvo. Eĉ nun, post nur kelkaj tagoj, du el miaj amikoj komencis lerni la lingvon. Kaj kiel ĝojige estas por mi instrui ilin laŭ Cseh-metodo kaj uzi la lernitan manieron!

Menciindaj estas ankaŭ diversaj vizitindaj lokoj, kiujn prezentis al ni koreaj esperantistoj en diversaj urboj: temploj, muzeoj, universitato, ekspozicio, Folklora Vilaĝo, tombejo kaj aliaj lokoj en Seulo, Taejon, Taegu, Shingal, Kwangju kaj Pusan. Koreaj manĝaĵoj estas bongustaj kaj ĝuindaj. Ĉie ni lernis multon pri la viv-maniero, kutimoj, kredoj, historio kaj entute la vojon, sur kiu koreoj antaŭeniris. Ĉiujn ĉi tiujn ebligis nur nia komuna komunikilo Esperanto. Nun ni ne scias kiel danki pro tiu ĉi granda aranĝo.

Kvankam mi pasigis 22 tagojn en Koreio, tio ŝajnas al mi malpli ol 22 minutoj. Jes, nekredeble rapide pasis belaj, bonaj tagoj kun Esperanto.

Mi sincere kaj tutkore dankas ĉiujn, kiuj helpis min en mia unua vojaĝo eksterlande, kaj kiuj gastigis nin per manĝaĵoj kaj tranoktado. Mi invitas ilin ĉiujn viziti Iranon kaj sperti vivon en Irano vizitante iranajn esperantistojn, kiuj estas iomete izolitaj pro ekonomiaj problemoj. Apartan dankon al la fratoj So. Mi nur esperas, ke ili aŭdos mian koron; alie ne eblas por mi esprimi mian amoplenan estimon al ili.

*Hamzeh Shafieel P.O. Box 13445-915, Tehran, Irano*

## 1-4 Mukunda Raj Pathik (Nepalo)

***"Raporto pri la prelegvojaĝo en Koreio kaj Japanio"***

Unue mi dankas al UEA, kiu invitis min partopreni en la 79a UK en Koreio. Fakte por mi tio estis la unua UK. En Seulo, mi renkontis esperantistojn el 65 landoj, pro kio mi ĝojis tre multe.

En la Solena Inaŭguro mi havis ŝancon saluti al kongresanoj por mia lando. Mi ĉeestis en Cseh-seminario kaj Cseh-kurso. Tio montriĝis tre utila por mi. Mi partoprenis ankaŭ en aliaj programeroj speciale en kunsidoj pri Azia Agado. Mi propagandis pri Internacia Himalaja Renkontiĝo.

La 79a Kongreso estis interesa. Mi ne forgesos ĝin dum mia vivo. La hotelo Sheraton estis tre granda kaj bela, sed mi opinias, ke ĝi estas tro luksa por la UK.

Dum la kongreso la tempo pasis tro rapide. Ĉiuj okazaĵoj estis miro por mi. Antaŭe mi ne havis ideon, ke tiom da esperantistoj partoprenas en UK. Mi ankaŭ kantis kaj dancis en la internacia vespero.

Tuj post la UK mi partoprenis en la 28a ILEI-Konferenco, kiu okazis en la Univ. Kangnam (07-30-08-05). Tio estis sufiĉe interesa. Ni havis bonan ŝancon interŝanĝi ideojn kun aliaj esperantistoj.

Unue mi dankas al d-ro SO Jinsu, kiu planis tre fruktodonan programon kaj bonan

lokon de la konferenco. Dum la konferenco ni ankaŭ ekskursis. Mi havas bonajn memorojn de Koreio.

Post la konferenco mi iris al la kongresejo de IJK kaj tie restis dum 4 horoj. En la sama tago membroj de Azia Karavano ekiris al prelegvojaĝo en diversaj urboj.

La Taejon Expo '93 estis belega. Mi havis tre bonan impreson pri ĝi. Koreaj esperantistoj estis ĉiam tre helpemaj. Bedaŭrinde ni ne havis ŝancon viziti la oficejon de Korea Esperanto-Asocio, sed ni vizitis Esperantajn klubojn de grandaj urboj en Koreio. Ili ĉiuj estas aktivaj, sed mi pensis, ke la Esperanto-movado en Teagu estas aparte forta. Aliaj Esperantaj kluboj povas lerni multe de ĝi.

Fine mi gratulas la esperantistojn de Koreio pro tre bela kaj granda programo de la UK. Krome mi dankas al s-ro Simo Milojeviĉ (ĝenerala sekretario de UEA) kaj d-ro SO Gilsu (estrarano de UEA pri azia agado) kaj kiuj aranĝis tre bonan kaj fruktodonan programon por la membroj de Azia Karavano.

Post la prelegvojaĝo ni vojaĝis de Pusan al Simonoseki (Japanio) per ŝipo.

En Japanio, unue ni partoprenis en Friska Lernejo. Tie ni diskutis pri Azia Kongreso kaj la Esperanta movado en Azio. Laŭ mi Azia Kongreso devas okazi en ĉiu dua jaro. Ni restis kun esperantistoj el diversaj landoj dum 3 tagoj. Poste ni vojaĝis al Nagoya. S-ro Nagase kaj aliaj esperantistoj gastigis nin dum du tagoj. Mi ofte verkas lirikojn por kantoj, ĉar mi ŝatas muzikon. Ĉi tie mi trovis muzikiston s-ro SUGIHARA Tadashi, kiu tre impone ludis tradician fluton.

Post Nagoya ni iris al Odawara. Tie okazis publika kunsido kaj oni starigis flagojn de Nepalo, Kamboĝo, Pakistano kaj Japanio.

En la 18a de aŭgusto ni atingis Jokohamon kaj restis tie dum du tagoj. Esperantistoj en Jokohamo aranĝis interesan piknikon kaj publikan kunvenon. Ni diskutis multe pri la Esperanta movado kaj la vivo de azianoj. Ni ankaŭ ekskursis kaj partoprenis en gaja vespero. Mi tre ŝatas esperantistojn en Jokohamo. Tie mi skribis unu kanton pri japanoj kaj Japanio. Mi havis ja bonan impreson pri Japanio.

En la 20a, ni atingis Tokion. Ni partoprenis en kunveno kaj diskutis pri la Esperanta movado en Nepalo. Ni ankaŭ ekskursis en muzeo, parko, temploj kaj belaj lokoj. Ni restis en Tokio dum 3 noktoj kaj gastis ĉe s-ro Alan Turvey (aŭstraliano). Li estis tre helpema amiko. Intertempe mi iris ankakŭ al Musashino kaj Saitama. Mi dankas al esperantistoj en Saitama, kiuj aranĝis bonan programon kaj gastigis nin kun tiom da bonkoreco.

Poste mi vojaĝis al Sendai, Yamagata, Sapporo, Tomakomai, Hukushima, Chiba kaj denove Tokio.

Por mi ĉiuj aĵoj en Japanio estis multekostaj, kaj ĉiuj stacidomoj, trajnoj, urboj, kaj homoj estis tre strangaj. Oni laboras tre rapide kaj rigardas tempon same kiel oron. Fakte mi havis ŝancon lerni multe de Japanio.

Japana Esperanto-Instituto ŝajnis al mi tre forta membro de UEA. JEI publikigis

multajn librojn, vortarojn kaj produktas diversajn kasedojn ktp.

Mi dankas multajn japanajn esperantistojn, kiuj gvidis kaj gastigis nin dum nia vojaĝo en Japanio: s-ro Takayama en Shimonoseki, s-ro Takuma en Friska Lernejo, s-ro Nagase en Nagoya, s-ro Okutsu en Odawara, ges-roj Doi en Jokohamo, s-ro Inumaru en Musashino, s-ro Tai en Saitama, s-ino Syozi en Nishinippori, s-ro Matsumoto en Sendai, s-ro Kunii en Jamagato, s-ro Miyazawa en Sapporo, s-ro Hoshida en Tomakomai, s-ino Yazaki en Hukushima, s-ino Aihara en Chiba kaj Japana Esperanto-instituto.

Dum la prelegvojaĝo en Koreio kaj Japanio ni parolis nur en Esperanto. Tio estis tre bona ŝanco por praktiki Esperanton.

*Mukunda Raj Pathik/ Campus of International Languages, Exhibition Road*

*Kathmandu, Nepalo*

## *1-5 Ĉimidijn DOGSUREN (Mongolio)*

***"Koncize pri mia vojaĝo en Japanio"***

Post Seula UK travojaĝinte kelkajn grandajn urbojn en Koreio (pri tio mi aparte skribos al "La Espero el Koreio") ni, kvar aziaj esperantistoj, laŭ invito de JEI vizitis Japanion. Meze de aŭgusto pasintjare, kiam ni atingis la havenurbon Simonoseki de Japanio, nin renkontis juna japana esperantisto TAKAYAMA Hideki (kun sia naŭ-jara filino Rie), kiu estas afabla kaj bone parolas Esperante. Mia longdaŭra revo viziti la landon tiel realiĝis dank' al Esperanto. Post iom da ripozo, promeno kaj tagmanĝo ni rekte veturis per trajno al la urbo Nagahama, kie okazis la 26a somera "Friska Lernejo". Dum tri tagoj partoprenante en "la lernejo" ni interkonatiĝis kun niaj japanaj samideanoj, kaj multon lernis ne nur pri la lingvo, sed ankaŭ pri la organizado de diversaj Esperanto-aranĝoj ktp.

De tie ni disiĝis po duope. Mi kun s-ro Gafur Mirzabajev, uzbeka esperantisto, vojaĝis tra la okcidenta parto de Japanio. Ni vizitis tri insulojn kaj sume dekkelke da urboj, inkluzive Tokion, dank' al zorgoplena aranĝo de JEI, kaj precipe de ges-roj Doi. Ankaŭ menciidnas, ke dum nia vojaĝo multe prizorgis kaj diversmaniere helpadis al ni ges-roj Takeuti kaj s-ro NISIO Tutomu.

Ĉie, kie ni estis en Japanio, ne mankis niaj samlingvanoj. Kvankam ni ambaŭ tute ne scipovis la japanan lingvon, ni facile interkompreniĝis kun japanaj samideanoj, ĉar Esperanto rolis kiel vera komunikilo inter ni tri malsamnacianoj. En ĉiu urbo, kiun ni vizitis, ni prelegis pri niaj du landoj (vivo, kulturo, Esperanto-movado ktp). Niaj landoj multe interesis niajn japanajn samideanojn kaj ili ĉie multe demandis nin pri diversaj aferoj. Nin ankaŭ tre multe interesis Japanio kaj ĝia Esperanto-movado. Precipe, por mi, kiu dum multaj jaroj, estis izolita esperantisto pro malfavora kondiĉo de socialisma reĝimo kaj unuafoje vizitinta eksterlanden, ĉio de mi aŭditaj kaj viditaj tie, estis treege interesa.

Kvankam pro la streĉa vojaĝplano (pro tio, ke nia vojaĝo devis daŭri nur iom pli ol du semajnojn) ni restis en ĉiu urbo nur unu aŭ du tagojn, tamen ni sukcesis interkonatiĝi kun multe da japanaj samideanoj kaj havigi al ni sufiĉe da scio pri ĝenerala trajto de Esperanto-movado en Japanio. Cetere, dank' al mia intima samideano, s-ro SAIONJI Masayuki, restinte en Tokio ĝis la 20a de septembro, mi havis ŝancon pli detale konatiĝi kun ne nur japana sed ankaŭ Tokia Esperanto-movado. En Tokio mi ankaŭ kun multaj esperantistoj renkontiĝis kaj konatiĝis. Dank' al ili mi vizitis eĉ faman monton Fuĵi kaj du naciajn parkojn Jacugatake kaj Nikko, troviĝantaj sufiĉe malproksime de Tokio.

Laŭ mia opinio la Espernato-movado en Japanio estas tre vigla kaj fruktodona, ĉar de antaŭlonge la lando havis kaj havas multe da bonaj esperantistoj kaj movademuloj, kiuj forte influis/as al Esperanto-movado. Resume, ĉio, kion mi kiel esperantisto, vizitis, spertis, ĝuis en Japanio, ekzemple, supermenciita Friska Lernejo en Kansajo, la 3a Kongreso de Sikoku-a Esperanto-Ligo, kunsidoj de esperantistoj de vizititaj de ni urboj, Japana Esperanto-Instituto (ĝia enhavoriĉa librejo!), Tokia Esperanto-Klubo, Libroteko Tokio, La Japana Budhana Ligo Esperantista, Esperanto-Klubo de Amatora Radio en Japanio, Internacia Instituto de Preventa Medicina Praktiko (kies oficiala lingvo estas Esperanto) kaj aliaj faris al mi profundan impreson kaj stimulis min je mia plua aktivado pri disvastigo de Esperanto en Mongolio.

Interalie, mi devas noti pri tio, ke dank' al zorgema aranĝo planita de JEI kaj afabla atentemo de japanaj samideanoj mi tute ne renkontis malfacilaĵojn kaj malagrablaĵojn dum mia vojaĝo, se ne kalkulus mian iometan portempan laciĝon pro tro varma kaj senpluva vetero de Japanio, ĉar mi estas loĝanto de friska lando kompare kun Japanio.

Post mia reveno al mia hejmlando mi kun miaj samideanoj sufiĉe detale planis nian poresperantan laboron, apogite antaŭ ĉio de la decido de UK, la sperto kaj ekzemplo de Esperanto-organizoj kaj esperantistoj en Koreio kaj Japanio. En nia universitato denove estas inaŭgurita fakultativa Esperanto-klaso. Nun en la unua kaj dua klasoj de Esperanto lernas pli ol 60 gestudentoj. Antaŭ nelonge, okaze de la naskiĝtago de L.L. Zamenhof estas fondita Esperanto-klubo "La Stelo" de nia universitato. Ni preparas por ekaperigi, ĉe la komenco de venonta jaro, duonmonatan ĵurnalon "Esperanto" Esperante kaj mongollingve. Ni ankaŭ klopodas plivigligi la agadon de MEA. Tio estas unu el niaj tre nodaj problemoj. Dume al ni multe malhelpas manko de mono kaj forto. Sed mi kredas, ke ni povas realigi nian planon kaj atingi la celon, ĉar lastatempe en Mongolio multaj homoj, precipe gejunuloj pli kaj pli ekinteresiĝas pri Esperanto. Tion kaŭzas interalie la fakto, ke mongola esperantisto laŭ invito de UEA ne nur partoprenis en Seula UK, sed ankaŭ laŭ invito de du landaj Esperanto-organizoj vojaĝis sufiĉe longtempe en Koreio kaj Japanio. Unuvorte, la fakto ekkredigis ilin al utileco de nia verda lingvo. Pro tio mi deziras ankoraŭfoje esprimi nian koran dankon al UEA, nome al d-ro SO Gilsu (Koreio), KEA kaj JEI pro ilia atento kaj prizorgo pri Mongola Esperanto-movado!

Fine, ankaŭ uzante la ŝancon mi elkore salutas kaj bondeziras ĉion bonan al miaj karaj japanaj gastigintoj kaj samideanoj: ges-roj Doi (Jokohamo), ges-roj Takeuti (Takatuki), ges-roj Macuda (Minoo, Oosaka), ges-roj Osioka (Hirosima), s-ro NISIO Tutomu (Oosaka), s-roj AGOU Takasi kaj Joel BROZOVSKY (Kameoka), s-ro NISIDA Mitunori (Hukuoka), s-ro TANI Hiroyuki (Oosaka), prof. NIŜIUMI Maki (Kumamoto), s-ro OOZATO Yosizumi (Mijazaki), ges-roj Koga (Kitakjuŝu), ges-roj Ikegami (Kooĉi), ges-roj Harada (Okayama), ges-roj Saionji, ges-roj Reza, ges-roj Ooba, ges-roj Isobe, s-ino KIKUSIMA Kazuko, s-ro TANAKA Joŝikacu, s-ro SUZUKI Takao, s-ro ISINO Yosio kaj s-ino SYOZI Keiko (Tokio), ges-roj Sugano (Takatuki), s-ro TAKEHARA Jose (Kameoka), s-ino ITOO Teruko kaj s-ro NAKAZIMA Kyoohei (Hachioji), s-ino IE Harumi (Kanazawa) kaj aliaj.

*Ĉimidijn DOGSUREN / C.P.O. pk. 733 Ulaanbaatar-13, Mongolio*

## 1-6 S. S. Pradhan (Bharato/Hindio)

En 1991, mi legis pri la projekto Ĉ-2 de UEA. Mi opiniis, ke tio estas tre oportuna por havi internacian sperton de Esperanto-movado. Mi sendis sinprezenton, du prelegojn, eseon pri miaj aktivecoj kaj miaj planoj por la movado en mia lando. Feliĉe prof. SO Gilsu informis al mi ke UEA akceptis mian kandidatecon.

En aprilo '94 prof. SO Gilsu informis al mi, ke UEA invitas min kiel membron de Azia Karavano al la 79a UK en Seulo, poste al ILEI-Konferenco, kaj preleg-vojaĝo en Koreio kaj Japanio. Mi ĝoje konsentis.

Post interŝanĝo de kelkaj leteroj kaj telefonaj paroladoj, s-ro Simo Milojeviĉ sendis flugbileton al mi. Mi flugis de Bangalore en la 20a de julio kaj atingis Seulon en la 21a. En la 22a en la kongresejo mi renkontiĝis unuafoje kun prof. SO Gilsu. Li estis tre agrabla homo.

***(la Seula UK)*** En la 23a de julio, la kongresejo estis plenplena de niaj samideanoj. Mi partoprenis en la kunveno de "Unuafojaj kongresanoj". Estis ĉ. 150 homoj. S-ino Michela Lipari klarigis pri la aranĝoj de la kongreso kaj. Prof. SO Gilsu lerte kaj praktike klarigis kiel utiligi plej bone la okazon. Oni aperigis mian raporton pri tiu ĉi kunveno en la kongresa kuriero 2.

En la interkona vespero mi konatiĝis kun multaj geesperantistoj: s-roj Simo Milojeviĉ, Mark Fettes kaj prof. John Wells.

La inaŭgura ceremonio estis tre impona, bela kaj granda. Kiel membro de Azia Karavano mi sidis sur la podio. En la nomo de mia landa asocio, Federacio Esperanto de Bharato, mi salutis.

En sekvantaj tagoj, mi partoprenis en Cseh-kurso kaj seminario. S-ro Atilio Orellana Rojas tre lerte gvidis la kurson kaj la seminarion. Tio estis tre utila por Esperanto-instruistoj kiel mi, kaj mi lernis sufiĉe pri la instruado.

Mi partoprenis en IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio), kaj renkontis s-ron Istvan Gulyas el Hungario, kiu estas vicprezidanto de IFEF, kaj d-ron Imre Ferency el Hungario. Oni akceptis min kiel membron de IFEF.

La konversacia rondo estis bona rimedo por kuraĝigi komencantojn ekparoli Esperante.

Mi multfoje vizitis libro-servon. Unuafoje mi vidis tiom da Esperanto-literaturo. Mi aĉetis nur kelkajn, sed mi tralegis kelkajn aliajn librojn en la ĉambro de libro-servo.

"Estraro respondas" estis bona okazo por aŭdi diversajn opiniojn de membroj de UEA. Mi demandis pri la ŝanĝo en la reguloj pri delegita reto.

***(ILEI-Konferenco)*** Post la UK mi partoprenis en ILEI-Konferenco en Kangnam Universitato. Estis 49 partoprenantoj el 28 landoj. Estis tre bona ŝanco por konatiĝi kaj amikiĝi pro la malgranda rondo. Mi bone konatiĝis kun ges-roj Moerbeek, prof. SO Jinsu, s-ino J.R. Bishop el Aŭstralio, prof. Ino Catina Giulia Dazzini el Italio, s-ino N.C. Kuiterman el Nederlando. Tie mi ekzameniĝis en meza nivelo de la internacia ekzameno kaj sukcesis. Membroj de Azia Karavano prelegis en la konferenco.

***(prelegvojaĝo en Koreio)*** Antaŭ mia vojaĝo mi legis interesan rakonton pri Koreio en mia gepatra lingvo, Kannada: "Dio bezonis sep tagojn por konstrui tiun ĉi mondon. Li uzis ses tagojn por konstrui Koreion ,kaj tiel belege kaj perfekte li konstruis. En unu alia tago li konstruis ceteran monodon." Mi tre deziris vidi tiel belan Koreion. Bonŝance nia prelegvojaĝo estis en kvar urboj kaj ni vojaĝis 1000 kilometrojn en Koreio.

Ni iris al Taejon. Ĝi estas granda urbo, sed ni facile atingis Esperanto-Asocion de Taejon. La prezidanto akceptis nin afable. Tiuvespere ni interparolis neformale kun membroj de la klubo. Sekvantan tagon ni vizitis budhisman templon kaj Taejon-Ekspozicion. Vespere ni interŝanĝis niajn sperton kaj ideon kun membroj de la klubo por fortigi Esperanto-movadon en Taejon. Mi sugestis senpagan kurson por allogi multe da junuloj. Poste oni pagu monon por altnivela kurso. Nun en Taejon oni devas pagi ankaŭ por baza kurso.

En la 8a kaj la 9a ni estis en Kwangju. La prezidanto s-ro Kim Kwangche, pastro profesie, gastigis nin. Li ankaŭ aranĝis vespermanĝon kun eŭropaj junuloj. Ni ĉiuj interparolis. Estis tre ĝuinda vespero. S-ro Sin Gjong-sik aranĝis ekskurson al Budha Monto. Montgrimpado kun junaj geesperantistoj de Kwangju estis tre bona sperto. Oni interŝanĝis ideojn pri kulturo, eduko, Esperanta movado ktp. Ni aŭdis, ke pli ol 300 homoj partoprenis en Esperanta kurso kelkajn jarojn antaŭe en Kwangju. La kurson gvidis prof. SO Gilsu.

Ni iris al Taegu. Ni restis tie en la 9a kaj 10a. Ŝajnis, ke la plej bone organizita filio de Korea Esperanto-Asocio estas Taegu-filio, kiu havas propran oficejon. Ni, membroj de la karavano interŝanĝis ideojn kun tiuj de Taegu-filio.

Ni vizitis nacian parkon en Kwangju kaj renkontis d-ron Bag, kiu havas la klinikon

"La Espero".

En la 11a kaj 12a ni estis en Pusan. Estas bona bildo, ke multaj Esperanto-familioj estas en Pusan. Tio ĉi helpas Esperanto-movadon je la baza nivelo. Ni renkontis Esperanto-klubanojn de Donga Universitato.

Nur kvar membroj de la karavano sukcesis iri al Japanio. Por aliaj mankis vizo. Do, 8 anoj revenis al Seulo vespere de la 12a de aŭgusto.

*(denove en Seulo)* Mi sola devis resti en Seulo ĝis la 17a por aviadilo. Fakte tiuj 4 tagoj estis plej bonaj tagoj kaj vere memorindaj tagoj. Mi estis kun la familio de prof. SO Jinsu. Estis tre ĝuinda tempo. Mi spertis, ke ankaŭ koreoj vivas trankvile kaj feliĉe same kiel bharatanoj.

Prof. SO Jinsu kaj mi detale parolis pri bharata kaj korea kulturoj, vivmanieroj, ekonomioj kaj historioj. Kun la familianoj de prof. SO Jinsu mi vizitis folkloran vilaĝon.

Mi restis ĉe d-ro Gim en la 15a kaj 16a. D-ro Gim havas grandan intereson pri budhismo. Ni longe parolis pri budhismo, hinduismo kaj kutimoj. Lia filino 7-jaraĝa estas denaska esperantistino.

Mi ekflugis al Bharato en la 17a de aŭgusto kaj atingis hejmon en la 18a.

Unu-monata Esperanta vojaĝo donis al mi sekvajn impresojn kaj rezultojn:

1. Tio estis granda sperto. 2. Internacia etoso donis grandan feliĉon al mia animo. 3. La granda Esperanto-kongreso montris kiel bone Esperanto funkcias. 4. Mi povis interŝanĝi opiniojn kun anoj el preskaŭ ĉiuj landoj. Tio donis grandan memfidon al mi. 5. Tio donis oportunecon renkonti samfakulojn. 6. Mi povis renkontiĝi kun estraranoj de UEA. 7. La Cseh-kurso kaj seminario estis tre utilaj por mi. 8. En ILEI-Konferenco mi povis amikiĝi kun spertaj esperantistoj. 9. La sukceso de la ekzameno donis grandan memfidon al mi. 10. La prelegvojaĝo donis veran bildon de Esperanto-kluboj en malgrandaj urboj. 11. Estis bona aranĝo kaj sperto, ke ĉiuj karavananoj vivis kune dum unu monato; tio estis preskaŭ komuna vivo de esperantistoj.

*S.S. Pradhan/ 97, 3rd Block East, Jayanagar, BANGALORE -560 011, Bharato (Hindio)*

## 2. Aliaj raportoj

### 2-1 Gesamideanoj Indonezia kaj Malajzia

***raportas INUMARU Fumio***

Mi havis ŝancon interparoli kun gesamideanoj indonezia kaj malajzia dum mia libertempo, kiam mi vizitis la landojn fine de oktobro 1994 por mia kompania afero. Mi raportu ilian parolon pri Esperanto-movado tiea. *(1994-11-11)*

### *2.1.1. S-ro Eriko Sunardo (Citra Garden 2 Blok B7/18, Pegadungan, Jakarta, 11830 Indonezio)*

Li estis diplomato kaj nun estas la estro de sekretariejo de la banko Buana Indonezia en la urbo Jakarta. Antaŭ 30 jaroj troviĝis Indonezia Esperanto-Asocio en la urbo Jakarta kaj li estis ĝia vic-prezidanto. Nun estas nur unuopaj esperantistoj sen organizo en la lando. Li loĝis en multaj urboj en la mondo kiel diplomato fore de Indonezio. Dum sia restado en Eŭropo li konatiĝis kun estraranoj de UEA kiel d-ro John Wells, s-ro Simo Milojeviĉ, d-ro Ulrich Lins, d-ro So Gilsu kaj aliaj.

Mi estas la unua alilanda esperantisto, kiun li vidis en Jakarta post kiam d-ro Ulrich Lins vizitis antaŭ ĉirkaŭ kvar jaroj. De tempo al tempo s-ro Sunardo klarigadis al kolegoj en la banko pri Esperanto kaj pri la aparta amika atmosfero de interkonatiĝo kaj interkompreniĝo per Esperanto. Li ne multe sukcesis ankoraŭ. Unu vido taŭgas pli ol dek aŭdoj. Se alilanda esperantisto prelegetus en Esperanto pri temo rilata al banka afero antaŭ la kolegoj, tio multe pli efikus ol nura propagando por apliko de Esperanto, tiel li ekpensis. Mia vizito estis neatendita kaj tro mallonga. Ni atendus alian samideanon viziti en estonteco.

Li partoprenis en pluraj Universalaj Kongresoj en Eŭropo. La lasta estis la Viena UK en 1992. Li demandis kaj mi klarigis pri K.A.E.M (la Komitato pri Azia Esperanto-Movado), kiu organiziĝis dum la Seula UK en 1994.

Ni interparolis dum tri horoj ĉe mia hotelo amike. Li rakontis, ke li estas esperantistoj de la dua generacio. Li esperantistiĝis sub la influo de sia patro, kiu ellernis Esperanton per lernolibro. Ĝin kunportis frato de la patro komence de la 20a jarcento el Japanio.

### *2.1.2. F-ino Chan Sook Wai (1008 Jalan Selesa 4, PTM-58200, Kuala Lumpur, Malajzio)*

F-ino Chan Sook Wai laboradis por Malajzia Esperanto-Asocio. Ŝi sendis telekopion al mi ĉe mia hotelo. Ŝi skribis jene:

Temas pri la Esperanto-movado en Malajzio. Estas nur kelkaj esperantistoj en la tuta lando, fakte malpli ol 10. Ili havas problemon pri ejo, en kiu ĉiuj volas kunveni... Ŝi mem preskaŭ nenion faras nun por la movado, ĉar ŝi devas koncentriĝi pri sia propra vivo kaj sia laboro. Ŝi jam neglektis la vivon kaj laboron dum kelkaj jaroj pro Esperanto kaj nun ŝi ne volas fari simile, ĉar ja gravas la vivo normala ankaŭ.

Ni ne havis tempon renkontiĝi, sed interparolis telefone. Ŝi diris, ke ŝi ne forlasos Esperanton. Ŝi nur paŭzas movade. Ŝi daŭre korespondas, interparolas kun vizitantaj esperantistoj kaj tiel plu. Almenaŭ unu fojon ĉiujare kolektiĝas esperantistoj en la hejmo de s-ino Tan. La loko estas ekster la urbo Kuala Lumpur kaj ne oportuna por ĉiuj. Ĉi-jare ne ankoraŭ.

Mi komprenas ŝian okupitecon en la antaŭaj jaroj. Ŝi transsendis mian leteron al s-ino Tan. Ŝi vizitis min ĉe la hotelo antaŭ mia interparolo kun f-ino Chan.

### *2.1.3. S-ino Jenny Tan (Hamzah Conssortium (M) Sdn Bhd, 80-A, Jaoan SS 14/1, Subang Jaya, 47500 Petaling Jaya, Selangor Darul Ehsan, Malajzio)*

S-ino Jenny Tan vizitis min ĉe la hotelo kun sia aminda filino, poste ŝia edzo ankaŭ. Ŝi lernis Esperanton de f-ino Chan, kiu lernis de s-ro Joakim Werdin. Ŝi estas bahaistino. Ŝi estas komercistino kaj administras sian kompanion "Monda Merkato (M) Sdn Bhd", dependan kompanion de konsorcio "Hamzah". En Petaling Jaya estas ŝiaj oficejo kaj hejmo. La urbo estas preskaŭ 10 kilometrojn okcidente de la urbo Kuala Lumpur sur la vojo al la internacia flughaveno.

Ŝi volas havi kongreseton de Esperanto en Malajzio, en kiu aliaj aziaj esperantistoj partoprenu. Ŝi ankaŭ volas fondi lokan klubon aŭ okazigi lokan kunsidon de filio de la asocio, ĉar la esperantistoj dise loĝas tra la lando kaj malfacile estas kolektiĝi.

Mi promesis al ŝi, ke mi petos de ges-roj Doi sendi la bultenon "Esperanto en Azio" ankaŭ al ŝi. Malajzio, Indonezio kaj Singapuro estas najbaraj. Ĉu ne kuraĝiga estus renkontiĝo inter ties esperantistoj?

### *2.1.4. S-ro Jo Ek Gwan (Jalan Tenis Meja 36, Arcamanik Endah, Bandung, 40293 Indonezio)*

Li sendis al mia letero antaŭ mia vojaĝo. Li skribis, ke li mem lernis Esperanton el lernolibro en la lingvo nederlanda kaj estas 73 jarojn aĝa. En la urbo Bandung li estas sola esperantisto. Li korespondis kun iu lerta maljuna esperantisto antaŭe en najbara urbo sed nun tio ĉesis.

Ni ne povis renkontiĝi. S-ro Sunardo diris, ke ili renkontiĝis anktaŭ kelkdek jaroj.

Mi tre ĝojas, ke dum mia unuafoja vizito al Indonezio kaj Malajzio mi povis interparoli kun tieaj gesamideanoj kaj kunporti novaĵojn almenaŭ al japana esperantujo. Kiel antaŭkondiĉio de kunlaboro oni devas scii, kiuj faras kion, kie kaj kiel. Tiuj informoj devas fariĝi komuna scio inter koncernantoj. Mi aŭdas dum la Seula UK, ke s-ino MATUMOTO Hiroyo kaj s-ro Hylco MIEDEMA de la urbo Oosaka jam vizitis la urbon Semaranga kaj aliajn en Indonezio.

*INUMARU Fumio/ Simoigusa 4-6-14, Suginami-ku, Tokio, 167 Japanio*

## *2-2 Esperanta Konsultejo estis fondita en Changchun, Ĉinio*

***raportas Liu Ming-hui***

La 8an de novembro 1994 Changchun Esperanto-Asocio fondis Esperantan

Konsultejon kun informtelefono en la subtera bazaro ĉe Hong Qi strato en Changchun. Kaj samtempe oni dissendis la propagandajn materialojn pri Esperanto. La konsultejo estis fondita helpe de esperantistino Fu Tao, kiu estas la mastrino de la belŝmiraĵ-vendejo en la bazaro. Ŝi volas labori por la kosultejo kiel konsultantino en la estonteco. La laboro nepre akcelos propagandon kaj disvastigon de Esperanto en Changchun.

*Liu Ming-hui / No. 116-100 Stalin strato, Changchun, CN-130022, Ĉinio*

## 2-3 La Kvara Internacia Akademia Konferenco de Scienco kaj Tekniko en Esperanto solene okazis.

La konferenco okazis 1994-07-10~17 en Centra Nacieca Universitato en Pekino, aŭspiciata de Ĉina Akademio de Sciencoj.

Solena inaŭguro okazis en la 11a de julio. Ĉeestis pli ol 120 gastoj el Japanio, Korea Respubliko, Egiptio, Aŭstralio, Usono, Germanio, Francio, Belgio kaj Finnlando kaj pli ol 1300 reprezentantoj el municipoj.

Post la inaŭguro okazis kunveno de 8 prelegooj: 1. Ĝuste konu la sciencon Qigong, farita de Fan Xin, 2. Brila perspektivo de la scienco pri homa korpo kaj ĝia esplorado pri aplikado, farita de Shi Yunfeng, 3. Tri temoj de la scienco pri homa korpo, farita de Lu Baojian, 4. Prenu la esplorajn fruktojn de OK Diagramoj de Fuxi por feliĉigi la socion, farita de Wang Junzhao, 5. Movforto de homa pensado - la dua energio, farita de Shen Cunzheng, 6. Mi venkis malsanon kun la helpo de Qigong, farita de Cui Liyun, 7. Internacia scienco pri homo, farita de Galolim, 8. Ĉina holo-nomologo en teorioj de Yijing, farita de Yang Jinming. La prelegoj estis varme bonvenigataj de ĉeestantoj.

De la sekva tago okazis enhavoriĉaj esploroj kaj diskutaj aktivadoj en grupoj.

1. pri novaj konceptoj de moderna fiziko.
2. pri scienca esploro de Zhouyi
3. pri homa korpo kaj Qigong
4. internacia scienco pri homo
5. publikigo de novaj teknikaj programoj
6. medicino
7. Esperanta instruado kaj studado

En la lasta grupo finna esperantista insturisto Matti Lahtinen elmetis la ideon fari internacian kunlaboron por kune kompili fizikan lernolibon en Esperanto, kaj tio renkontis aplaŭdon de ĉiuj ĉeestantoj.

*Esperanto-Asocio, Academia Sinica, 52 Sanlihe, 100864 Beijing, Ĉinio*

## 2-4 Esperanto en Chengdu, la ĉefurbo de Sichuan-provinco/

## Ĉinio

La 3an de aprilo 1994, 15 membroj de Sichuan-a Esperanto-Asocio kaj Chengdu-a Esperanto-Asocio venis kune al la Shiergiao-a Martira Monumetno, antaŭ kiu okazis la simpla ceremonio por memori al la esperantista pioniro kaj eminenta kamarado Eltunko.

Ĉi-jare(1994) la asocio entute akceptis 4 esperantistojn el Francio, Pollando, Italio kaj Koreio. Precipe korea junulo Josep ĉeestis nian kunsidon en la tetrinkejo en la 14a de majo.

La 18an de decembro la asocioj de Sichuan kaj Chengdu okazigis kunvenon memore al la 135a datreveno de la naskiĝo de d-ro L.L. Zamenhof.

Kelkaj membroj persiste ĉeestis en monata kunsdio en tetrinkejo, kvankam lokaj asocioj frontas kontraŭ multe da malfaciloj.

*Cai Shouzhi/Yihuan Lu Bei Yiduan, Qingyan Qu Wuzi Ju, Chengdu 610031 Shichuan*

## *2-5 70 homoj el 7 landoj ĝuis lernadon kaj amikiĝon en Transjara Kurskunveno de Esperanto en Oomoto*

Transjara kurskunveno de Esperanto, organizita de EPA(Esperanto-Propaganda Asoocio) kaj JFO (Junulara Fako de Oomoto) okazis de la 30a de decembro '94 ĝis la 2a de januaro '95 en la centra oficejo de Oomoto, kun 70 partoprenantoj el 7 landoj, inkluzive de 12 koreoj akompanitaj de s-ro LEE Jung-kee, direktoro de Korea Esperanto-Asocio.

Estas memorinde, ke tiu ĉi kunveno komenciĝis organizita antaŭ ĝuste 30 jaroj, ekde kiam ĝi iĝis tradicia tutlanda evento por ne nur oomotanaj junuloj, sed ankaŭ aliaj japanaj esperantistoj. Interkrampe, korea karavano ĝis nun konstante partoprenis la kurskunvenon de EPA, depost la jaro 1989, kiam la Junulara Karavano de Oomoto partoprenis la Korean Kongreson de Esperanto, por firmigi amikecon per Esperanto.

La lernantoj ĉi-foje dividiĝis en 11 klasoj laŭ siaj lingvokapabloj. Nova elemento ĉi-jara estis enkonduka kurso pere de la angla lingvo por nejapanaj lernantoj. Krom intensiva lernado de Esperanto, oni aŭskultis tri prelegojn: "Nuntempaj cirkonstancoj en Vjetnamio" fare de s-ro Reza Ĥeir-Ĥer el Irano, "Esperantismo kaj Homaranismo" fare de d-ro LEE Chong-yeong, prezidanto de Korea Esperanto-Asocio, kaj "Esperanto-movado en Pakistano" fare de s-ro Mian Shany el Pakistano.

D-ro LEE Chong-yeong, kiu restas tri monatojn en la urbo Kobe laŭ la invito de la universitato Kobe, afable vizitis Oomoton kune kun sia edzino, por aparte danki al EPA, koncerne al la organizado de la 79a UK, kaj ĝisnuna konstanta kunlaborado kun korea Esperanto-movado.

Dum la kunveno ĉiu partoprenanto havis okazon ĝui la interamikiĝan vesperon, kiam

ili konatiĝis per amuzaj ludoj, kaj spekti Esperantan magion de s-ro DEGUCHI Kyotaro, prezidanto de EPA. Multaj elektis sperti specialan teceremonion kaj aliajn festerojn en la silvestra vespero, kaj ĝuis ankaŭ refreŝiĝan etoson okaze de la novjara festo de Oomoto en la preĝejo.

En la lasta nokto kun apartaj temoj, la 1an de jan., troviĝis por kursanoj kvin fakaj kunsidoj: Ludu kun s-ro Joel BROZOVSKY; Pripensu pri Esperanto-movado en orienta Azio; Traduka klaso de Esperanto por *karaoke (temas pri esperantigo de popularaj japanaj kantoj)*; Parolu Esperante!; Mia lernometodo de Esperanto. Post fino de la fakkunsidoj multaj kursanoj kune iris al karaoke-halo en la urbo, por profundigi la amikecon laŭ la akompano de jam internacie populariĝanta karaoke-muziko.

Post la ekzameniĝo de EPA, la tuta kunveno oficiale finiĝis per la ferma programero en la dua de jan. ptm., kiam s-ro MAEDA Ŝigeki, reprezentanto de EPA, transdonis ateston al ĉiu partopreninto, kaj du el ili prezentis siajn impresojn pri la kunveno.

*Esperanto-Propaganda Asocio / Oomoto, Ten'on-kyo, Kameoka-si, Kyoto-fu, 621 Japanio*

## 3. Okazos

3-1 1995-05-01~05 La 3a Transnacia Renkontiĝo de SAT en Xi'an, Ĉinio

3-2 1995-07-05~20 La Unua Esperanto-Grupa Ekspedicio al Tibeto

3-3 1995-08-01~08 La Unua Internacia Renkontiĝo de la Junaj Esperantistoj en Xi'an

3-4 1995-09-01~10 La Internacia Renkontiĝo de la Esperantisto-Agrikulturistoj en Xi'an

*Kontakt-adreso por la supraj 4 eventoj: (s-ro) WANG Tianyi, Xi'an Esperanto-Asocio/ Xiyinglu 74 hao, CN-710054 Xi'an, Ĉinio; tel. +86-29-321-2171; fakso: +86-29-721-8042; telefvokilo: 1271-20890*

3-5 1995-07-13~16 La 2a Esperanta Sciencteknika Simpozio de Zhejiang-provinco

Fine de la simpozio oni elektos kaj premios la plej bonajn el la ricevitaj disertaĵoj. Bonvenaj estas prelegoj pri diversaj sciencaj kaj teknologiaj problemoj al la simpozio.

*Kontakt-adreso: (s-ro) Zhao Shoutang/ Zhejiang, Huangyan-shi, Yao Jian Suo, 317400, Ĉinio; tel. +86-576-42-3771*

## 4. Invito

***Ni atendas vin en Centra Azio/ Urumqi, Xinjiang, Ĉinio***

Urumqi, kiu estas la ĉefurbo de la regiono Xinjiang de Ĉinio, estas geografia centro de la azia kontinento. La preciza punkto de la centro estas 30 kilometrojn sude la urbo Urumqi. Ĉu vi volas foti vin starante sur la centro de Azio?

En Xinjiang estas 13 nacioj kaj tie vi povas koni diversajn morojn kaj kutimojn. Xinjiang okupas sesonon de Ĉinio. Tie vi povas ĝui belajn pejzaĝojn kaj promeni sur la stratoj en la antikvaj urboj... Ne mankas entuziasmaj esperantistoj tie. Ili starigas bonajn rilatojn kun entreprenoj de komerco kaj industrio kaj kun organizaĵoj de kulturo kaj turismo ktp. Ili praktikas nian lingvon en tiuj diversaj kampoj. Tial se vi vojaĝos komerce aŭ turisme en Urumqi en Xinjiang, tiuj lokaj esperantistoj tre volonte helpos vin aŭ kunlabori kun vi.

Venu, ni atendas vin!

*(s-ro) Liu Xiaozhe/ 32 North Youhao Road, Urumqi, 830000 Ĉinio*
*tel. +86 (0) 991 4841216-219 (oficejo) / 2846127 (hejmo de la gepatroj)*
*fakso:+86 (0) 991 4841546 / telefoko (Bp): 126-32437*

# 5. Propono

**Senpagan kurson por junaj instruistoj!**

Nun mi prezentas al vi mian proponon ne sufiĉe maturan: La Esperanto-organizo de diversaj lokoj povus senpage funkciigi Esperanto-kurson al junaj geinstruistoj en elementaj lernejoj. Post kiam ili ellernos nian lingvon, ili instruos geknabojn pri ĝi en sia lernejo. Dank' al la agado, oni enkondukos Esperanton al infanoj en multaj landoj.

Post kiam la knaboj iome posedos la lingvon, ili komencos komunikiĝi kun diverslandaj infanoj per la helpo de sia instruisto. Influate de la infanaj agadoj, nia movado nepre cirkulados de generacio al generacio.

Mia propono estas eble naiva, sed praktike uzebla.

*Cai Shouzhi/ Yihuan Lu Bei Yinduan, Qingyang Qu Wuzi Ju, Chengdu 610031*
*Sichuan, Ĉinio*

# 6. Kunlaborojn!

## 6-1 poŝtkartojn sendu!

En la distrikta urbo Svitavy en Ĉeĥio troviĝas muzeo de poŝtkartoj, kie estos aranĝota ekspozicio ESPERANTO KAJ LA MONDO. Ĝi okazos de la unua de marto ĝis la 16a de aprilo 1995. Nun oni jam preparis 300 diversajn poŝtkartojn rilatajn al Esperanto. Bonvolu sendi por pliriĉigi la ekspozicion al:

*Orbis Pictus/ Kvêtuŝe Veselá, Bezrucova 24, 568 02 Svitavy, Ĉeĥio*

## 6-2 Kunlaboron kun japanoj!

Hebei-a Esperanto-Asocio estis fondita antaŭ 5 jaroj. Nia asocio volas preni Esperanton kiel ilon por interkomunikigi entreprenistojn inter Ĉinio kaj Japanio kaj progresigi ekonomian kunlaboron, sciencan kaj teknikan interŝanĝon, komercan interrilaton kaj reciprokajn vizitojn de turismaj grupoj de ambaŭ landoj.

Geografie la pozicio de Hebei-provinco estas aparte avantaĝa. Pekino kaj Tianjin estas ĉirkaŭitaj de la provinco. En ĝi facilas trafiko, abundas lokaj produktoj, disvolviĝas industrio kaj agrikulturo kaj troviĝas multe da historiaj objektoj, antikvaj restaĵoj kaj turismaj vidindejoj.

Bonvolu skribi al nia asocio:

*s-ro Liu Zhi-ming/ 22, Youyi Nan Dajie, CN-050081 Shijiazhuang, Hebei, Ĉinio*

*Telefakso: 0086-0311-3032060*

### 6-3 Ĉinio estas la plej granda merkato!

Mia firmao "Orienta Informaro" estas oriente granda informa centro pri sciencteknikо, industrio kaj komerco; ĝi gvidas kvar fabrikegojn kaj kelkajn branĉajn firmojn; ĝi posedas grandegan informoretan sistemon. Laborlingvoj estas la ĉina, la angla kaj Esperanto.

Havu kontakton kun:

*s-ro Vang Bing 019 Xintong Qianshan, Anhui 246300, Ĉinio / tel.: 05668-922549*

## 7. leteroj de leganto

### 7-1 Ĉinio, 1994-06-15

Estas tre ĝoje, ke mi glate ricevis la bultenon de UEA "Esperanto en Azio" (n-ro 15). Pro tio mi esprimas mian koran dankon al ĉiuj redaktoroj, precipe al prof. d-ro SO Gilsu.

Verdire, kiel esperantisto mi loĝas en la interna parto de Ĉinio. Tial mi kaj aliaj gesamideanoj renkontiĝas kun alilandaj geamikoj tre malofte. Sed tamen ni neniam forlasis kaj forgesis nian lingvon, kaj ankaŭ ni kiel eble kaptis ĉiun ŝancon propagandi ĝin, kaj senĉese lernadi ĝin por altigi nin mem.

Kompreneble lernaj materialoj estas tre necesaj por ni, precipe el fremdaj landoj. Lerninda kaj valora estas la revuo, kiu raportis al mi la informojn pri Esperanto-movado de kelkaj landoj en Azio. Sendube tiuj min ege inspiras kaj interesas.

*Cai Shouzhi/ Yihuan Lu Bei Yinduan, Qingyang Qu Wuzi Ju, Chengdu 610031*

*Sichuan, Ĉinio*

### 7.2 Ĉinio, 1995-01-21

Koran dankon por "Esperanto en Azio". kiun mi bonorde ricevis fine de 1994.

Okaze de la nova jaro mi deziras grandan sukceson al "Esperanto en Azio", prosperiĝan movadon al la tutazia Esperantujo, kaj feliĉan vivon al la aziaj geamikoj en 1995!

Mi membriĝas kiel Monda Turismo en Pollando kaj nun praktikas Esperanton en la internaciaj turismservo kaj komerco. Pro tio mi ĉiam atendas la konkretan proponon el la aziaj geamikoj, kaj la petat-oferton de vi pri aĉeto de ĉinaj varoj aŭ pri aĉeto de ĉina turismservo.

*s-ino Zhu Baogang / Xi'an Gongdionju, Ĉ-710032, Xi'an, Ĉinio*

*Tel.: 0086-29-7215061 ap. 6200 (hejme) / Fakso: +86-29-5256409 Zhang Rui td.*

# 8. Kontribuoj

## 8.1 Kontribuoj al Esperanto-movado en Azio

Post la raporto en n-ro 17 ĝis la 14a de februaro jenaj 33 esperantistoj en Japanio kontribuis por la azia movado sume 109,000 enojn:

ASAMI Masako, EGAŬA Harukuni, Esperanta Grupo en Saga-si, HAJAŜI Kanejuki, HIROTAKA Masaaki, HUĴIŜIMA Toŝiko, HUKUMOTO Hirocugu, IŜINO Masajo, ITAGAKI Akiko, IZUMI Jorimiĉi, JAMAKAŬA Ŝuuiĉi, JAMASAKI Seikoo, KAGAMI Akio, KAKEI Kunihiko, KATOO Keiko, KAŬAI Takaŝi, KAZAŬA Kinuko, KITAGAŬA Ŝooĵi, KUROJANAGI Joŝitaka, MAEDA Jonemi, Mian Shany, MIJAMOTO Seiko, MIZUNO Joŝiaki, NAGAKURA Sonoko, NIŜIKAŬA Tojozoo, NOMURA Tadacuna, OOCUKA Jasuŝi, OONIŜI Ŝin-iĉi, SUGANO Takeo, SUZUOKIT Ĵiroo, TAKEUĈI Joŝikazu, TANI Hirojuki, ŬAKI Kimiko

## 8.2 Kontribuoj al Azia Karavano

Jenaj 166 samideanoj kaj Esperanto-grupoj en Japanio kontribuis por agado de Azia Karavano en Japanio sume 1,935,000 enojn:

AIDA Jajoi, AIHARA Misako, AIKAŬA Secuko, AKADA Joŝihisa, anonimulo A, anonimulo B, ARAI Micuru, ARAI Norie, ASAMI Masako, CURUMI Kaori, CURUTA Ŝizuo, EGAŬA Harukuni, EGUĈI Otokiĉi, GOTOO Hitoŝi, GOTOO Sumiko, GOTOO Ŝooĵi, HAJAKAŬA Joŝinori, HAJAŜI Saĉiko, HARADA Hideki, HARADA Takako, HAŜIGUĈI Ŝigejuki, Haĉiooĵi Esperanto-Societo, HIROSE Kanae, HIROTAKA Masaaki, Hokkaido Esperanto-Ligo, HORI Jasuo, HORIO Taroo, HOŜIDA Acuŝi, HOTTA Hirohiko, HOTTA Juri, HUĴITA Takeo, IBARAME Jukio, IKAŬA Jukio, Ikebukuro Esperanto-Societo, IKEDA Joŝiĉika, IMAZU Tooiĉi, IŜIKAŬA Ĉieko, IŜIKAŬA Takeŝi, IŜINO Masajo, ISOBE Hiroko, ISOBE Ŝoonosuke, ISOBE Jooko,

ISOGAI Naotake, IŜIHAMA Jukie, ITABAŜI Cutomu, ITABAŜI Micuko, ITOO Joriko, Iŭaki Esperanto-Societo, IŬAMOTO Tamae, IŬAJA Micuru, JAGI Mikiko, JAMASAKI Seikoo, JAMATO Ŝin-iĉiroo, JAMAZAKI Masaru, JAMAZOE Saburoo, JANO Keiko, JAZAKI Jooko, Jokohama Esperanto-Rondo, JOŜIDA Humitake, Kagaŭa Esperanto-Societo, KAKEI Kunimaro, KANAJA Joŝio, KARIBE Riiĉi, KATAOKA Tadaŝi, KATOO Iŭao, KATOO Keiko, KAŬANO Kunizoo, KAŬAŜIMA Ricuko, KAZAŬA Kinuko, KIDO Husacugu, KIMURA Kimiharu, KITAGAŬA Ŝooĵi, KOBAJAŜI Cukasa, KOBAJAŜI Kajoko, KOBAJAŜI Utako, KOGA Ŝiroo, KONIŜI Gaku, KOSAKA Kijojuki, Kooĉi Esperanto-Societo, KOJAMA Takeŝi, KURODA Masajuki, KUROJANAGI Joŝitaka, Libroteko Tokio, Lunda Rondo, MACUMOTO Hirojo, MATANO Ŝiroo, MACUBARA Haĉiroo, MACUDA Hisako, Mie Esperanto-Societo, MIJAZAKI Esperanto-Societo, MINE Joŝitaka, MISAŬA Joŝiroo, MISAŬA Miĉiko, MITANI Miĉiko, MIZUNO Joŝiaki, MOGI Tacuhiko, MORITA Jooko, MORITA Reiko, MUTA Tecuja, Nagano Esperatno-Societo, NAGAOKA Ĵiroo, NAKACU Masanori, NAKADA Maja, NAKAHIRA Koozoo, NAKAMIĈI Tamihiro, NAKAMURA Isao, NAKAMURA Masami, NAKANIŜI Kunihiko, NAKAĴIMA Kjoohei, NAKURA Sadako, NIŜIDA Micunori, NIŜIKAŬA Tojozoo, NIŜIMURA Joŝihiro, NIŜIMURA Mijoko, NIŜIMURA Naĉiko, NIŜIO Cutomu, NIŬA Keiko, NOMURA Tadacuna, Odaŭara Esperanto-Societo, Okajama Esperanto-Societo, OKUDA Hiroko, ONDA Hiromasa, OOHARA Takaŝi, OOMORI Ŝizuka, OOSAKI Kazuo, OOSAKI Jaeko, OOŜIMA Joŝiko, OOTA Kazuko, OOUĈI Kikue, SAIKI Masajuki, SAITOO Cume, SAITOO Fumio, SAITOO Maĉiko, SAITOO Tomoko, SAKAMOTO Ikuko, SAMURA Rjuuei, SANPEI Keiko, SASAKI Ricuko, SAKAMOTO Jumijo, SASAKI Jasuko, SATOO Jasuko, SATOO Ŝigeharu, SAŬAJA Juuiĉi, SEKINE Ĵun-iĉiroo, SOEDA Ŝihoko, SOMEKAŬA Takatoŝi, SUGANO Takeo, SUGIBAJAŜI Harujuki, SUZUKI Keiiĉiroo, ŜIBAJAMA Ĵun-iĉi, Ŝikoku Esperanto-Ligo, ŜIMIZU Hiroko, TADAIŜI Ĉizuko, TAHIRA Masako, TAKAGI Miĉiko, TAKAHAŜI Nacuko, TAKASE Joŝiko, TAKEUĈI Joŝikazu, TAKIZAŬA Iŭao, TAKUBO Hideo, TAMAKI Asa, TANAKA Hiroaki, TANAKA Masami, Tojonaka Esperanto-Societo,Tookai Esperanto-Ligo, TOJODA Motoki

Koran dankon al ĉiuj kontribuintoj!

• ***Parolas redaktantoj:*** Denove, aŭ plurfoje ni ne povis plenumi vian deziron legi regule tiun ĉi revuon pro nia prokrasto. Pardonon! Abundas ĉe ni artikoloj, kiujn ni ne povis publikigi pro manko de spaco, interalie ni devis aperigi leterojn de legantoj kaj nomliston de kontribuantoj-subtenantoj de "EeA"

(1995-02-24)